# LA FLUANTA TAJDO.

Esperantaj vortoj de HARRISON HILL. Ario : "Tramp! Tramp! Tramp!"

*mf* 8. GAMO B♭

{ :s ,,f | m ,s .- :d' ,,r' | d' :d' ,,t | l ,d' .- :d ,,l | s :s ,,f }

Jen la kanto de kuraĝ' Por ma-ris-toj sur vojaĝ', Ĉar ku-

{ | m ,,s :d' ,,r' | m' ,,m' :r' ,,d' | r' :— | — :s ,,f | m ,,s :d' ,,r' | d' :d' ,,t }

-ra-ĝon ĉi-am do-nas me-lo-di'; Do, kun-kan-tu mar-is-tar'! Vi la

{ | l ,,d' :d' ,,l | s :m' ,,r' | d' ,,t :d' ,,l | t ,,s :t ,,r' | d' :— | — : }

raj-ton ha-vas, ĉar La flu-an-ta taj-do es-tas nun ĉe ni!

*cres.*

{ | m' :m' | m' ,,r' :d' ,,l | s :— | d' :— | r' :r' | m' ,,r' :d' ,,m' }

Kan-tu! Kan-tu! kam-a-ra-doj! Gloran eston-te-con ha-vos

*cres.*

vi : Es-tas he-la la ĉi-el', Ĉi-am bri-las ni-a stel', La flu-

-an-ta taj-do es-tas nun ĉe ni.

*f* CHORUS.

Kan-tu! Kantu! ka-mar-a-doj!

Gloran eston-te-con ha-vos vi : Es-tas he-la la ĉi-el', Ĉi-am

bri-las ni-a stel', La flu-an-ta taj-do es-tas nun ĉe ni.

*cres.* *cres.* *cres.* *cres.* *D.S.*

Kontraŭ vento, kontraŭ ond'
Kunbatalis nia rond',
Post la nubej ofte kaŝis sin la stel';
Sed la tajdo venas nun,
Sin prezentas oportun',
Kaj la stelo klare brilas el ĉiel'.

Do, altiĝu nun la kor',
La ventegoj pasis for,
Kaj la teron preskaŭ vidi povas vi;
Helpa vento blovas nun,
Kaj ekbrilas varma sun';
La fluanta tajdo estas nun ĉe ni.

Levu velojn al ventet',
Levu voĉojn al kantet',
Levu korojn al ĉiama la esper';
Kaj altiĝu la kuraĝ',
Ĉar la fino de l' vojaĝ'
Estos nepre la triumfo de l'Afer'.

# ESPERANTO ĈE GRAVA INTERNACIA KONFERENCO

Kiel ni raportis mallonge jam en nia pasinta numero, la Internacia Kongreso de New Education Fellowship uzos samrajte kaj samoficiale Esperanton kiel la aliajn kongreslingvojn.

Tiun ĉi kongreson organizas la laborkomunumo por renovigo de la edukado kaj instruado, de la 16-a ĝis 20-a de Aprilo nunjara en Utrecht (Nederlando).

Speciale dank' al klopodoj de S-ro Glück oni sukcesis konvinki la prezidanton pri la utileco de Esperanto por la kongreso. Li samoficialigis Esperanton kiel la ceterajn kongreslingvojn, kiuj estas la angla, franca, nederlanda, kaj germana. Ĉiuj paroladoj kaj ĉiuj diskutoj estos tradukataj Esperanten. La tradukoj okazos ĉiuj samtempe per mikrofon-aparatoj. La ĉefa kongrestemo estas: "Lernu kunvivi!"

Jam multaj eminentaj profesoroj, pedagogoj, kaj edukistoj anoncis la partoprenon kaj paroladojn. El la abunda programo ni citas nur parton. Parolados Prof. Pierre Bovet (Universitato Ĝenevo): "Kiamaniere forigi la malhelpaĵojn, kiujn la batalinstinkto starigas kontraŭ la komuna kunvivado?"; Prof. D-ro J. H. Gunning: "La kunvivado en la historio de la edukado kaj instruado dum la lastaj 50 jaroj"; Prof. D-ro Charlotte Bühler (London): "La infano en la familio"; Dir. D-ro Karl Wilker: Filmo pri "Landerziehungsheim Hof-Oberkirch"; Prof. Julius Glück: "Esperanto en la servo de la kunvivado"; F-ino Mary Butts (Bureau International d'Education, Ĝenevo): "Internacia kunlaboro en edukado kaj instruado"; D-ro Karl Wilker: "Edukado por nova kunvivado"; Prof. D-ro J. Boeke (Universitato Utrecht): "Biologiaj naturkonsideroj en la homkomuno"; krome parolado de D-ro J. tor Meulen, bibliotekisto de la Pacpalaco; tiu ĉi parolado okazos en la Pacpalaco en Hago; Lord Allen of Hurtwood (prez. de "English Association of New Schools"): "Aŭtoritato, libereco, gvidado"; F-ino A. Hamaide (Ecole nouvelle, Bruselo): "Praktikaj spertoj en Decroly-laboro"; D-ro Maria Montessori: "Vivi kaj labori kun la infanoj," k.a.

Oni petas ankaŭ la afablan kunlaboradon de ĉiuj Esperantistoj, speciale de la instruistaro, ĉar la kongreso estas eksterordinare grava por nia movado, eble unu el la paŝoj por enkonduko de Esperanto en la lernejojn. S-ro Glück intencas aranĝi dum la kongreso ekspozicion, precipe laŭ la pedagogia vidpunkto. Oni sendu al li utilan materialon: librojn, gazetojn, statistikon, sugestojn, spertojn de instruistoj en la instruado de Esperanto al infanoj, ktp. Antaŭan dankon! Se ĉiuj kunlaboros, ni certe atingos novajn sukcesojn. Ne perdu unu tagon, sed komencu tuj! Dezirataj informoj estas volonte donataj, sed al informpetoj oni aldonu respondkuponon. Adresu al: Prof. Julius Glück, ĉe S-ro G. H. Koudijs, Paulus-Potterstraat 16, Utrecht, Nederlando.

*El Heroldo de Esperanto*, 23.2.36.

GRAVA NOTO.—*Se iu angla Esperantisto intencas ĉeesti ĉi tiun konferencon, oni petas ke li (aŭ ŝi) tuj proponu sian helpon per tradukado al S-ro A. de Beus, Springway* 65 *bis, Utrecht, Nederlando.*

# THE DUBLIN EVENING MAIL ON ESPERANTO

At a meeting of Irish Esperantists in Dublin last night, it was reported that the international language movement is steadily making progress in this country. As far as Ireland is concerned we are afraid that Esperanto is still in the category of a hobby; we never hear of business houses or traders looking for an Esperanto correspondent to make use of this fascinating language in the cause of commerce. In many European and Asiatic countries it is widely used to that end, and is a regular subject in the curricula of the schools. While Irish is the main educational passion of the Free State Government we can never hope that Esperanto will be given a chance in our own school system, and its progress will continue to depend on the enthusiasm of the little bands that have formed themselves into clubs and societies. It is a pity that that is so, and that official circles remain indifferent to the claims of a language that is really universal—in the sense that people of every civilized country of the world have found in it a common meeting ground. The Esperanto congresses have provided the remarkable sight of Persians, Germans, Chinese, Russians, French, Japs and the English-speaking races enjoying the same plays, exchanging views and experiences, making firm friendships, and never experiencing any embarrassment in social intercourse. But besides these achievements, Esperanto has other claims to attention. Its study is a help and an encouragement to that of other languages, for the young Esperantist is able to perceive quickly what kind of thing the general structure of language is, and when after a very short time he finds himself corresponding in perfect ease with natives of far-off countries he is given an incentive to the study of those countries; he becomes interested in their history, geography and culture in a personal manner that could never come from reading school books. We can only hope that Esperanto will continue to thrive in the Free State.

# ESPERANTO AND THE ENGLISH FOLK-DANCE

By G. D. NASH, D.B.E.A.

At first sight B.E.A. and The English Folk-dance and Song Society appear to be at the two opposite ends of the "pole"—the former typically International, the latter no less typically National. Closer inspection, however, shows that the ideals of the two movements are in fact very much akin. Each is aiming at international understanding and brotherhood, *without the loss of national tradition;* and the same is identically true of "foreign" folk-dancers and "foreign" Esperantists.

Times may change; our conception of civilization may have to be modified, but national language—protected by U.E.A.—and national folk-dance—protected by its national folk-dance societies—will remain. Without such protection both language and folk-dance (each of which is a true reflection of national life and *sopirado*) would stand in peril of contamination.

At the invitation of E.F.D.S., 500 folk-dancers, representing twenty European nations, visited London last summer. The extraordinary success which attended this initial venture was in no small way helped by the B.E.A. At the Stockholm Esperanto Congress in the previous year hundreds of notices in Esperanto referring to the coming Festival were distributed, appreciated, and circulated into the four corners of Europe.

During the halcyon week of the London International Folk-dance Festival, only one thing could have added materially to the conviviality of the proceedings—Esperanto as the accepted means of communication and international understanding.

In 1916 I took my first steps in Esperanto, under Roy Rawson, at Melbourne. In the same year I was privileged to teach folk-dance steps to the first E.F.D. class ever held in Australia. Since then I have been able to study all forms of folk-lore, including folk-song and dance in remote corners of the world, in a way which would have been impossible for a non-Esperantist.

Traditional folk-dancing provides ever-increasing interest to those who dance and to those who watch. Intricate as it appears, it is not really difficult, if *correctly* taught, practised and learned. With a nucleus of folk-dancers, affiliated to E.F.D.S. within the framework of B.E.A., we could add materially to our own enjoyment of club life at home, and to the pleasure of our hosts at Congresses abroad, by showing them something well worth doing, which is typically English.

If any Federation, Group or individual requires further information on this subject, I shall be pleased to do all I can with advice, suggestion or practical help. (Address:—*Chantry House, Slaugham Green, Sussex*).

## NOVA SUKCESO EN DANLANDO

Post multaj kaj longaj klopodoj Dana Esperanto-Instituto fine sukcesis translokigi siajn *Internaciajn Feriajn Kursojn Esperantajn* al la Internacia Altlernejo en Helsingor (*Elsinoro*), loko konata el "Hamleto". Tiu altlernejo estas unika en sia speco, ĉar ĝi estas vere internacia, instruante per ĉiuj modernaj lingvoj pri ĉiu ajn kultura afero. Ĝis nun Esperanto ne estis aplikata tie.

Ĝis nun niaj Internaciaj Feriaj Kursoj en Esperanto okazis en Silkeborg, sed pro grava manko de loko (pro la daŭra kreskado de la partoprenantaro) la sukceso ĉe la Internacia Altlernejo estis tre favora okazo.

La Internaciaj Esperantaj Kursoj okazos en la venonta somero:

Ia kurso: por geinstruistoj-komencantoj laŭ Cseh-metodo de 19/7–25/7, sub gvidado de la eminenta Cseh-pedagogo F-ino M. Saxl. Tuta prezo por loĝo, manĝo, kaj kurskotizo nur 35 kr. aŭ £1. 12s. 0d. La malaltan prezon kaŭzas la malmulta valoro de la dana krono.

IIa kurso: Por progresintoj, de 26/7–5/8.

IIIa kurso: Prepara kurso por Cseh-metodaj geinstruistoj, ankaŭ de 26/7–5/8.

La IIan kaj IIIan kursojn gvidos F-ino Saxl, S-ro de Waard kaj aliaj diverslandaj eminentuloj. Prezo por IIa aŭ IIIa kurso por loĝo, manĝo, kaj kurskotizo nur 50 kr. aŭ £2. 5s. 0d.

La kursojn aranĝas kaj garantias Dana Esperanto-Instituto.

Detalaj informoj haveblaj ĉe L. Friis, Sekretario de Dana Esperanto-Instituto, Thyrasvej 15, Aabyhöj, Danlando.

ESPERANTO PER RADIO PER ESPERANTO

## ESPERANTA RADIOPROGRAMO—APRILO, 1936.

| Tago kaj Dato. | | Horo. | Stacio. | Ondlongo. Metroj. | Potenco. Kv. | Programo. |
|---|---|---|---|---|---|---|
| **Dimanĉo:** | 5, 12, 19, 26 | 09.15–09.45 | Lille | 247 | 5 | K.P. |
| | 12 | 09.15–09.45 | Motala | 1389 | 150 | P. |
| | 19 | 20.30–21.00 | Tallinn | 410 | 20 | P. |
| | 5, 12, 19, 26 | 21.50–22.00 | Leningrad | 1224 | 100 | P. |
| | 5, 19 | 22.40–23.10 | Hilversum | 1875 | 100 | P. |
| **Lundo:** | 6, 13, 20, 27 | 17.30–17.40 | Sottens | 443 | 25 | K. |
| | 6, 13, 20, 27 | 18.30–18.45 | Lyon | 215 | 25 | K. |
| **Mardo:** | 7, 14, 21, 28 | 17.00–17.10 | Moravska-Ostrava | 269 | 11 | P. |
| | 7, 14, 21, 28 | 18.20–18.40 | Hilversum | 1875 | 100 | K. |
| | 7, 14, 21, 28 | 19.00–19.10 | Tallinn | 410 | 20 | P. |
| | 7, 14, 21, 28 | 20.00–**.** | Funchal CT3AQ | 75 | — | P. |
| | 14, 28 | 21.45–22.00 | Warsaw | 1339 | 120 | P. |
| | 7, 14, 21, 28 | 21.45–22.45 | Rio de Janiero PRF | 31.58 | 15 | P. |
| | 7, 14, 21, 28 | 21.50–22.20 | Leningrad | 1224 | 100 | P. |
| **Merkredo:** | 1, 8, 15, 22, 29 | 14.00–14.25 | Paris PTT kaj relajsoj | 432 | 120 | K. |
| | 1, 8, 15, 22, 29 | 17.35–18.00 | Vienna kaj relajsoj | 506 | 100 | K.P. |
| | 1 | 21.15–22.15 | Prague ,, ,, | 470 | 120 | Esp. Horeto. |
| **Ĵaŭdo:** | 2, 9, 16, 23, 30 | 20.00–**.** | Funchal CT3AQ | 75 | — | P. |
| | 2, 9, 16, 23, 30 | 21.20–22.20 | Leningrad | 1224 | 100 | P. |
| **Vendredo:** | 3, 10, 17, 24 | 19.40–20.00 | Nice-Juan-Les-Pins | 240 | 2 | P. |
| **Sabato:** | 4, 18 | 17.10–17.25 | Hilversum | 1875 | 100 | P. |
| | 4, 11, 18, 25 | 18.05–18.20 | Rome kaj ĉiu Itala stacio | 420 | 50 | P. |
| | 11, 25 | 18–10–18.40 | Hilversum | 301 | 60 | P. |
| | 4, 11, 18, 25 | 20.00-**.** | Funchal CT3AQ | 75 | — | P. |
| | 4, 18 | 20.05-20.15 | Lyons-la-Doua | 463 | 90 | P. |

**KODO: I**=Informoj. **K**=Kurso. **P**=Parolado.

*Noto.*—Somera tempo komenciĝas la 17–18-an de Aprilo, kiam oni aldonu unu horon de ĉiuj supraj tempoj—krom por Francujo kaj Nederlando, kies horaro ŝanĝiĝas same kiel la angla.

---

Por noto pri Danujo, kiu interesos radiulojn, bonvolu vidi paĝon 277.

### LASTMOMENTA NOVAĴO.

### SPECIALA PROGRAMO DE LILLE.

La Esperantista Grupo en Dunkerque sukcesis ricevi permeson disaŭdigi specialan programon ĉe la radiostacio Lille, matene, dimanĉon la 5-an de Aprilo, de 09.15 ĝis 09.45. Ĝi konsistos el :—

1. Saluto de la Dunkerque Grupo.
2. Priskribo de la banloko Skano kaj alvoko pri la Internacia Semajno.
3. Du belaj sopranaj kantoj de grupanino.

Ĝi vere meritos aŭskulton — kaj oni atendas, ke la britaj samideanoj subtenos ĉi tiun klopodon de la grupo. Estas aparte bona okazo montri per dankleteroj al la stacio, ke oni atentas ĝian apogon al nia lingvo. Bona subteno tre multon povas fari ĉe la franca radio por nia movado.

---

**La Marista Ligo Esperantista** (laŭ la lasta bulteno) jam havas 156 membrojn. La Brita reprezentanto estas S-ro G. E. Carr, 15 Byron St., West Hartlepool, kiu liveros plenajn detalojn laŭ peto.

**"Employment Abroad . . .** The student of foreign languages should not forget, also, that the auxiliary language Esperanto has over 125,000 registered users in over 100 countries, and is now one of the principal passports of foreign hospitality. An advertisement in its weekly *Heroldo* would generally suffice to put one in touch with a foreign host."—*Pitman's Year Book and Diary*, 1936," *in an article on "Foreign Linguistic Skill."*

**Irish Up to Date.**—D-ro Panini. 43 pp., 6p., ĉe C. J. Fallon, 67 Middle Abbey St., Dublin.

La aŭtoro sentas, ke la malfacilaĵoj de la irlanda lingvo nuligos la penadon ĝin vivigi, kaj li proponas plisimpligon de la lingvo, kiu devus pli bone sukcesi. (Aperis ankaŭ libro de versaĵoj en la reformita lingvo). Kelkrilate la eksperimento havas intereson ankaŭ por la Esperantisto. Sed oni povas demandi al si, ĉu irlanda lingvo tiel radike simpligita efektive estas irlanda lingvo, kaj ĉu, se la proponita sistemo akirus forton, la du lingvoj reciproke sin mortigus.

## MOVADO FEDERACIA.

**Eastern.**—Tre interesa konferenco okazis en Ipswich, la unua en tiu urbo, je Feb. 29a. Proksimume 40 ĉeestis, spite la malbonan veteron.

**Lancashire and Cheshire.**—La venonta konferenco okazos je 3.15 p.t.m., la 25an Aprilo, ĉe New Technical College, Southport.

**London.**—La Unua Konferenco okazis je Marto 14a. Pli ol cent ĉeestis, kaj la halo estis plenplena. Salutoj estis ricevitaj de multaj eminentuloj eksterlandaj kaj de aliaj federacioj. Oni starigis regularon, elektis oficistojn (Prez. C. C. Goldsmith, Sek., S-ino E. Warren, Propaganda Sek., E. D. Durrant), komitaton, kaj propagandan komitaton. 11 grupoj jam aliĝis al la Federacio, inkluzive 4 B.L.E.A. grupoj. La Fed. jam havas pli ol 500 membrojn. Venonta konferenco, Kew Gardens en Junio.

**South-Eastern.**—Tre sukcesa konferenco okazis en Croydon je Feb. 29. Proksimume 70 ĉeestis, kaj inter la vizitantoj estis S-ro W. H. Hirst, la Prezidanto de la Yorkŝira Federacio.

**Yorkshire.**—Venonta konferenco en York, la 4an de Aprilo, ĉe Feasegate Restaurant. Aferkunveno 3.30 p.t.m.

## MOVADO GRUPA, LOKA.

**Birmingham.**—La Birmingham Esperanto-Societo aranĝas novan kurson por komencantoj, kiu ŝajne bone sukcesos.

**Birmingham and District Esperanto Club.**—Ĉiuj invitataj ĉeesti specialan kunvenon la 24an de Aprilo, 7.30 ĉe St. Edmund's Cafè, Edmund Str., kiam F-ino Saxl, la fama Ĉe instruistino, parolos pri "Spertoj de Verdstela Migrantino." Nepre ne maltrafu ĉi tiun okazon renkonti viglan fremdan Esperantistinon.

**Bristol.** — La loka societo prezentis unikan koncerton antaŭ publika aŭdantaro la 15an de Feb., kun teatraĵo, filmo, kantoj, humoraĵoj, muziko, propagandparolado, literatura ekspozicio, kaj lanternkliŝoj. Entute ĝi estis granda sukceso.

**Dundee.**—La grupo nun kunvenas ĉiumerkrede, 7.0–9.30, ĉe Victoria Galleries.

**Edinburgh.**—Aprilo 1, Kantado ronda. 11, Leksikona vespero. 15, Vieno. 22, Jarkunveno.

**Huddersfield.**—Aprilo 2, Ludoj. 9, Germanujo kaj la Germanoj. 16, Legado de interesaĵoj. 23, Historietoj. 30, La minaco de imperialismo.

**London Club.**—Aprilo 2, Letervespero. 7, Muzika vespero. 14, El la ĉapelo. 16, Klasanoj de S-ro Wright. 21, Nederlando. 23, S-ro de Knevett. 28, Danco. 30, Spertoj de verdstela migrantino, F-ino M. Saxl.

**London, Walthamstow.**—Aprilo 2, Eta rakonto. 9, Filmoj kaj rubaĵo. 16, Sociala vespero. 23, Ridoj el Shakespeare. 30, Du hundoj kaj unu osto.

**London, Wandsworth.**—La nove fondita grupo aranĝis konversacian rondon, kiu kunvenas ĉiun vendredan vesperon de la 8a ĝis la 10a en Café Cuba, Trinity Road (50 metrojn de la subterfervoja stacidomo Trinity Road).

**London** : **Diservo en Esperanto** okazos la 12an de Aprilo, 3.30, en la preĝejo St. Ethelburga, 72, Bishopsgate, E.C.2.

**Manchester.** — Je 2a Aprilo, "Katenoj". F. Gateshill.

**Newcastle.**—Aprilo 7, Legado kaj Tradukado. 21, Debato. 28, Jara Kunveno.

**Nottingham.**—Aprilo 2, Putoj. 16, Siluetoj.

**Oxford.**—Aprilo 7, Teatraĵetoj. 14, Alilandaj geamikoj. 21, Jupa vespero. 28, F-ino Budd.

**St. Helens.**—7, Vitro. 21, 28, Aranĝotaj.

## SKOLTA TERMINARO.

En la Decembra numero de *Skolta Bulteno* (Jarabono 1ŝ., ĉe 54 Constable Rd., Ipswich), aperas la suba provizora terminaro kun difinoj kaj klarigoj. Ĝi estas plejparte prenita el pli longa terminaro farita de Avoto, Prezidanto de S.E.L. Oni invitas kritikojn aŭ proponojn. Ni aldonis unu-du derivaĵojn.

**Asocio :** (National Scout) Association.
**Atesto :** Warrant.
**Bando :** Crew.
**Bido :** Billy.
**Bivako :** Bivouac.
**Dreliko :** Drill.
**Grado :** Grade.
**Grupo :** Group.
**Leĝaro :** The Scout Law.
**Komisaro :** Commissioner.
**Lupido :** Wolf Cub.
**Lupidestr(in)o :** Cubmaster.
**Lupidino :** Brownie.
**Molulo :** Tenderfoot.
**Novulo :** Recruit.
**Praismo :** Backwoodsmanship.
**Rango :** Rank.
**Roto :** Patrol.
**Rovero** (Roverskolto) : Rover Scout.
**Roverino :** Ranger.
**Seso :** Six.
**Skolto :** Scout.
**Skoltino :** Girl Guide.
**Skolta Ĉefulo :** Lord Baden-Powell of Gilwell (Kial ne **Skolta Ĉefo ?**—*Ed. B.E.*)
**Skoltestro :** Scouter.
**Skoltismo :** Scouting.
**Skoltumi :** Agi skolte : sin okupi pri la skolta movado : sin ekzerci aŭ instrui aliajn pri skoltismo.
**Svarmo :** Pack.
**Tendo :** Tent.
**Tendaro :** Camp.
**Trupo :** Troop.
**Trupestro :** Scoutmaster.

## JEVINGTON YOUTH HOSTEL. INTERNATIONAL PEACE RALLY. May 9th–10th, 1936.

An international peace rally is being arranged at the Jevington (Sussex) Youth Hostel on Saturday and Sunday, May 9th and 10th, 1936.

Several foreign visitors are expected, and also representatives of various organizations interested in promoting international friendship and understanding.

The rally will commence at 8 p.m. on the Saturday evening, and will consist of talks, general discussion, musical items, with community singing. It is hoped to arrange an exhibition of English folk-dancing on the Downs.

The discussions are bound to be both keen and interesting, and the spaciousness of the hostel surroundings is a sufficient incentive to broad and spacious reasoning.

Further details from Sydney W. Fullerton, 5 Selsdon Road, West Norwood, S.E.27.

**Esperanto en Nederlando.**—Je 7 kaj 10 Januaro du kunvenoj en Utrecht bonege sukcesis. Ĉeestis multaj lokaj eminentuloj, kaj cent artikoloj aperis en la loka gazetaro. La Redaktisto de *Utrechtsch Nieuwsblad* (D-ro Goedhart) membriĝis al kurso, kaj enkondukis Esperantan rubrikon en tiu gazeto sub propra redaktado. Estus utile sendi al li Esperantajn librojn kaj gazetojn por recenzo.

# OUR BOOKSHELF

*Books starred are stocked by the B.E.A. Others should be ordered not from the B.E.A., but from the address given.*

*POSTAGE EXTRA.*

***Petrolo.**—*Vol.* 1. *Upton Sinclair. Translated by William Bailey.* 306 *pages. Cloth,* 3/6.

The Esperanto Publishing Company has already issued books which from every point of view are of the first class, but it is doubtful whether, in regard to all-round value, this last publication "Petrolo, Vol. 1", has been surpassed by any book in the preceding series.

The original of the translation is the well-known novel entitled "Oil", by that eminent, American novelist, politician, and writer on industrial questions, Upton Sinclair. The book first appeared in 1927: it has gone through many editions as a novel, and has also been dramatized. The story is extremely interesting, and the claims of the labourers to a fair share in the enormous wealth which suddenly arose from the discovery and working of oil wells in California, are forcibly presented. The romantic element is also not wanting.

But the fact which should make the translation a *sine qua non* in the library of every ardent Esperantist is that the translator is William Bailey. As all the *Mondo Esperantista* knows, Mr. Bailey is the Director of the most important of all the sections of the *Akademio*—that which deals with the *Komuna Vortaro*. He has been well described as "a living Concordance of the works of Zamenhof", and, so long as he holds his position in the Academy, Esperantists may rest assured that the Zamenhof language—well, will remain unpolluted.

One of the results of Mr. Bailey's profound study of the works of Zamenhof is that he has been able to provide a translation which gives the maximum of facility *to the reader*. Mr. Bailey has, however, shown that he fully realizes that, as the language evolves in natural course, new words and forms may legitimately be introduced. He doesn't always ask: "What did Zamenhof say in 1887?"; sometimes he is interested in the question: "What do we find in his *latest* works?"; even: "What *new* words are absolutely required by the most recent additions to the resources of civilization?"

Worthy of notice in this translation are some changes from generally accepted forms of *compound* words — evidently intended to admit of more euphonious pronunciation, *e.g.*, poŝtomarko, altakreska, nudakape, instead of poŝtmarko, altkreska, nudkape.

It is safe to say that seldom or never has an Esperanto book appeared which is so free from printing or other defects. Indeed the only slip observed is the trifling one on page 57, where "vi malgrandaj . . ." is given as a translation of "you *big* . . ."

Let all those who desire to read in Esperanto a novel which is not only interesting as a tale, but exceptionally valuable as a guide to the best of language style, obtain a copy of "Vol. 1" without delay. Having read it, they will undoubtedly eagerly await the appearance of "Vol. 2."

W. H.

***Sub la Vitra Kupolo.** — *V. L. van Weddingen. El la nederlanda lingvo tradukis M. Groels. Ideala Esperanto-Biblioteko No.* 4. 160 *paĝoj.* 1ŝ. 9p.

Samspeca kiel la sennombraj malaltnivelaj verkaĵoj kiuj trovas lokon en la "populara fako" ĉe publikaj bibliotekoj, ĉi tiu tradukaĵo trafos bonan akcepton ĉe homoj kiuj ne estas literature postulemaj.

Sen ia pretendo je literatura valoro, ĝi prezentas facilan legaĵon je malalta prezo. La historio, pri freneza sciencisto kiu celas majstri la homaron per mistera "D"-radio, estas neverŝajna fantaziaĵo, kaj estas dube, ĉu homo dediĉinta la tempon kaj energion necesajn por ellerni lingvon, estus kontenta je tia legaĵo, eĉ por sin distri.

Ĉiokaze, oni rajtas atendi ke eĉ tia verko estu lingve ĝusta. Ĝena estas la ofta misuzo de "ne jam" (anst. ankoraŭ ne); "nura" en la senco de "sola"; "jes" (anst. ja). Formoj kiaj "brizo"=venteto, "hipnozo" = hipnoto, "transparenta" = travidebla, estas nenecesaj.

Tamen, la stilo ĝenerale estas bona kaj viva. Preso kaj papero tre bonaj.

M. S.

**Tra Mistera Oriento.**—Miaj memoraĵoj. 3-a volumeto. 85–120 pp. Stjepan Miŝak, Giritli Mahallesi N-ro 110, Adana, Turkujo. 2 respkuponoj.

**Verkolisto de Kawasaki-Noakazu.** (Dua Listo). Verkoj 124–138. 1934–1935. Interesa bibliografia dokumento.

***Pasko.**—*August Strindberg. El la sveda tradukis Stellan Engholm.* 88 *pp.*, 1*ŝ.* 9*p.*

Karikaturisto intence troigas, por trafe atentigi pri la korpaj kaj animaj apartaĵoj de sia subjekto. Legante ĉi tiun dramon de Strindberg, mi havis la impreson, ke ĝi estis verkita laŭ sama plano. Oni povas nomi ĝin psikologia studo pri la mensa suferado de fiera junulo, kies patro per krimo senhonorigis la familion. La aŭtoro konstante enkondukas diversajn efektojn por arte plifortigi la impresojn de mistero, malfeliĉo, minacanta fatalo. La agoj kaj paroloj de ĉiu el la personoj ĉiam subtenas kaj substrekas la temon de la dramo. Tion oni ne aprobus ĉe romano, ĉar ĝi efikus troige kaj nenature; sed ĉe teatraĵo ĝi estas taŭga. Sur la scenejo la geaktoroj prave akcentas la trajtojn per koloriloj kaj ŝmiraĵoj, ĉar de la teatraj seĝoj tio aspektas nature; kaj same tio, kio ĉe legado, impresas kiel neverŝajna, eĉ iom kruda, en teatro efikas kiel fidela bildo el la reala vivo.

Mi tre volonte vidus prezentadon de "Pasko" ĉe iu venonta Universala Kongreso. La temo havas fortan homan intereson; la agado ĉiam ligas la atenton; la dialogo estas simpla, kaj sen longaj tedaj paroladoj; la esperanta traduko de Stellan Engholm estas, kiel oni atendas, modela.

Pro sia literatura valoro, el ĝenerala kaj Esperanta vidpunktoj, la verko devus trovi lokon sur la librobreto de ĉiu samideano. Ankaŭ por komuna legado en studrondoj ĝi estas rekomendinda.

DOUGLAS P. BOATMAN.

***Kvin Paroladoj.**—*Henry Drummond. El la angla lingvo tradukis A. T. Maling.* 85 *pp.* 2ŝ.

Laŭ aspekto la libro tre similas al multaj Esperantaĵoj—nedika kaj verdkovrila. Kaj ĝi estas tradukaĵo, sed—afero neordinara—de paroladoj kiuj vere estas predikoj faritaj antaŭ 40 jaroj. Ĉu ili valoras nuntempe?

Henry Drummond havis famon kiel la sciencisto kiu plej multe helpis ĉesigi la 40-jaran konflikton inter la scienco kaj la religio: nenecesan konflikton, kiu okazis nur pro la tiama populara miskompreno de ambaŭ aferoj. Nun, rerigardante al la verkoj de Drummond, oni trovas lian sciencon ne plu akceptebla, sed lian religion ankoraŭ freŝa kaj vigliga. Li provis montri, ke en la mondo spirita kaŭzo kaj efiko same rilatas, kiel en la mondo materia. Kvankam en la komenco liaj verkoj estis ricevitaj kun suspekto en multaj religiaj rondoj, nun oni trovis ilin, kaj ofte la *Kvin Paroladojn*, en belformato kiel donacolibretojn. Tamen ili indas pli bonan sorton!

La recenzisto devas konfesi sian longjaran ŝuldon al Drummond, kiu en la dua "Parolado"—*Pax Vobiscum*—montris al li, junulo, kiel la vivo povas esti senĝene kaj aktive ĝoja aventuro. Nun, relegante la lastan ĉapitron *La Urbo sen Preĝejo*, lin reallogis la klara simpla rekta pensado, kiu laŭ stilo forte memorigas pri la Zamenhofa *Letero al la Diplomatoj.* Cetere li kredas, ke Dr. Zamenhof aprobus preskaŭ la tuton, kvankam ĝi estas Kristana prediko. En la nuna stato de la mondo ambaŭ verkoj estas ne atentataj: sed ĉu atentindaj? Tutcerte jes.

La traduko estas rekta klara, sed iomete tro rigida. Restas nur diri, ke la eldono estas entrepreno de nia malnova samideano, F-ino F. H. Hanbury, kiu mem mane kompostis kaj presis la libron—senpreserare. Vera tasko de amo. A. R. F.

***Ladies and Gentlemen!**—*The Craft of Public Speaking. Rosslyn Mitchell.* 158 *pp.*, *G. G. Harrap, London.* 2ŝ. 6p.

Jen ideala helpilo por aspiranto al sukceso ĉe publika parolado. S-ro Mitchell estas Vicprezidanto de la B.E.A., kaj li ofte donis al nia Afero valoran subtenon. Krom tio, li estas tre konata tra Britujo kiel oratoro sperta kaj lerta. La nuna volumo prezentas en simpla kaj interesa formo multe da konsiloj, kiuj fontas el multjara praktika oratorado. Efektive, la libro estas super ĉio severe praktika. Tute mankas abstrakta teoriado, kaj frazoj balastaj por plenigi la spacon; la paĝoj estas prempakitaj de ĝuste tiaj konsiloj kaj avertoj, kiajn la komencanto bezonas, kaj kiajn neniu povas pli kompetente doni, ol nia samideano. Parenteze: ĝi estas modelo de angla prozo senpretenda sed bonstila, kaj eĉ se nur de tiu vidpunkto ĝia lego estas vera plezuro.

**Histoire de la Fédération Espérantiste du Nord de la France.**—M. E. Deligny. 31 pp., prezo ne montrita.

Interesa historia dokumento pri la historio de la Federacio, 1900–1935.

**Esperanto kaj Komerco.**—En la lasta semajno ni ricevis tri prospektojn en Esperanto: ĉiu estas abunde ilustrita kaj kun alloga aspekto. (1) **Viena Foiro,** 8–15 Marto, 1936, ĉe Zentralbüro de Wiener Messe-A.G., Messenplatz 1, Wien-VII. (2) **Franclando dum Printempo,** 12-paĝa bildolibro kun priskribo de la Foiro de Parizo. 16 Majo–2 Junio, ĉe Foiro de Parizo, 23 Rue N.D. des Victoires, Paris. (3) **La Lyona Internacia Foiro,** 5–15 Majo, kaj libro **Lyon** kun 50 bildoj kaj klariga teksto: ankaŭ murafiŝo, ĉe Foiro de Lyon, Esperanto-Fako, Rue Menestrier, Lyon, Francujo. Oni petu la prospektojn ĉe la adresoj nomitaj.

La L.K.K. de la Viena Kongreso eldonis belegan gvidilon **Grossglockner Transalpa Ŝoseo,** kun 17 bildoj de la regiono trapasata.

# OFFICIAL NOTICES

*President :* P. L. Wright.
*Hon. Secretary :* Bernard Long, B.A.
*Hon. Treasurer :* W. A. Gething, B.SC.
*Secretary :* C. C. Goldsmith, F.C.I.
*Propaganda Secretary :* M. C. Butler, M.R.S.T.

### NEW LIFE MEMBER.

Miss M. Hinde, *Sydney, Australia.*

### NEW MEMBERS.

| | |
|---|---|
| Abson, Ella | *London, N.12.* |
| Anderson, Henry | *York.* |
| Badash, Al | *Blackpool.* |
| Cocks, E. P. Barratt | *Stoke-on-Trent.* |
| Cooke, Mrs. Edythe | *Blackpool.* |
| Dodd, Councillor Archibald | *St. Helens.* |
| Edgeler, Horace B. | *London, N.5.* |
| Ferriman, Miss M. | *Oxford.* |
| Giles, Robert N. | *High Wycombe.* |
| Goldsmith, John C. | *Romford.* |
| Horncastle, Florence | *Croydon.* |
| Leakey, Hugo | *Letchworth.* |
| Llewellyn-Jones, Frederick, B.A., LL.B. | *Mold.* |
| Maunder, Marjorie E. | *Minehead.* |
| Oldroyd, Miss M. K. | *Wakefield.* |
| Parker-Rhodes, A. F. | *Cambridge.* |
| Partington, Mrs. Marjorie M. | *Parkstone.* |
| Phillips, Mrs. D. | *Oxford.* |
| Pourtales, Raymond G. de | *Oxford.* |
| Pugh, Charles | *Derby.* |
| Richards, Mary E. | *Bognor Regis.* |
| Rossborough, Robert G. | *Buntingford.* |
| Russell, Matthew A. | *New Malden.* |
| Savage, Mrs. Dora S. | *Bournemouth.* |
| Skinner, Ivy L. F. | *Seven Kings.* |
| Stocken, Mrs. A. J. | *Bournemouth.* |
| Tjan, Hong K. | *Java.* |
| Upton, Harry | *London, E.17.* |
| Waller, Constance | *Bournemouth.* |
| Whitehead, L. | *London, S.E.17.* |

### NEW DELEGATE COUNCILLOR.

*Eastern Federation :* L. T. Impey.

### DONATIONS TO B.E.A. DURING FEBRUARY, 1936.

*General Funds :* W. E. Collinson, £1 ; F. W. Crofts, J. H. Lloyd, 16/– ; J. B. Horne, 12/– ; W. T. Clark, 11/– ; A. M. Anderson, J. Small, 5/6 ; Miss A. Arnold, J. Chadwick, Mrs. K. Halliday, C. H. Maxwell, J. Smith, Mr. & Mrs. V. Sumfield, Miss A. S. Wackrill, 5/– ; Miss G. V. Pillar, 4/– ; J. T. Hatten, G. Scott, 2/6 ; R. Holder, Miss L. C. Silcox, 2/– ; S. D. Brook, J. Newton Coombe, L. H. Leadley, H. Sewell, 1/–.

*Motor Car and Propaganda Fund :* A Friend, £20 ; W. Bayes, £2 ; Friends Esp. Soc., £1. 1. 0 ; Southport Esp. Soc., 19/– ; W. E. Collinson, R. H. Crowley, 10/– ; Miss E. A. Sidebottom, 9/– ; Iu, 7/6 ; J. Bowerman, W. A. Bryant, Miss A. B. Edwards, G. Scott, 5/– ; J. W. Charlton, Miss N. Johnson, 3/– ; J. R. Miller, Miss W. Roberts, J. B. West, 2/6 ; Anon., B. McGrath, H. Sewell, 1/–.

### B.E.A. EXAMINATIONS.

**Preliminary**: *Miss Mair Jones, *Llanrwst ;* *Miss D. O'Brien, *Ellesmere Port ;* *C. T. Cooch, *J. H. Thomas, G. Blong, *Wellington, New Zealand.*

* *Denotes distinction.*

### EXECUTIVE COMMITTEE MEETINGS.

February 7th, 1936. Present : The Hon. Secretary, Hon. Treasurer, Miss M. L. Blake, W. M. Goodes, H. W. Holmes, A. C. Oliver, R. Robertson, F. E. Wadham, Mrs. E. Warren. In attendance : The Secretary.

In addition to routine business the possible resignation of the Secretary was considered, and it was decided to invite provisional applications from members.

February 14th, 1936. Present : The President, Hon. Secretary, Miss M. L. Blake, H. W. Holmes, W. H. Matthews, A. C. Oliver, R. Robertson, F. E. Wadham, Mrs. E. Warren. In attendance : The Secretary. Mainly routine business.

March 6th, 1936. Present : The President, Hon. Secretary, Miss M. L. Blake, H. W. Holmes, A. C. Oliver, R. Robertson, Mrs. E. Warren. In attendance : The Secretary.

In addition to routine business, a sub-committee was elected to interview certain applicants for the possible vacancy for secretary.

CECIL C. GOLDSMITH,
*Secretary.*

### MORTOJ.

**Bury.**—Lucy E. Bury, 54, post nelonga nerv-malsano. Esperantistino dum multaj jaroj, kaj komitatano de la grupo en Liverpool.

**Gardner.**—F. T. Gardner, en Londono, N.1. Membro dum multaj jaroj.

### KIAL MI LERNAS ESPERANTON.

Unu tagon mi estis rigardanta la librojn sur la bretoj en publika biblioteko, kiam mi vidis mal-grandan libron kun la nomo *Esperanto Grammar.* "Ho !" mi diris. "Kio estas ĉi tiu sensencaĵo ?" Tamen mi ĝin levis, kaj turnis la paĝojn, demand-ante al mi, ĉu la lingvo estas vere uzebla. Jam mi estis interesita, do mi portis la libron hejmen.

Hejme mi iomete studis ĝin, kaj ŝajnis al mi, ke ĝi ne estas malfacile lernebla. La idealo de lingvo internacia logis min, ĉar mi kredas, ke la facila interŝanĝo de pensoj kaj idealoj inter diversnacianoj necese helpos la movadon de mondpaco. Fine mi decidis trovi kurson, kie mi povos lerni la lingvon.

Kaj jen, en klaso kun aliaj samideanoj, mi nun lernas uzi la ŝlosilon, kiu (mi esperas) malfermos al mi novan mondon : mondon sen la bariloj de multaj lingvoj ; mondon de komuna lingvo kaj komuna granda celo—paco, feliĉo, kaj kompreno inter la tuta homaro.

Ĉiutage mi memoras la grandan ŝuldon, kiun mi ŝuldas al tiu eminenta viro D-ro Zamenhof, kaj mi ĉiam promesas al mi, ke mi lernos lian instruaĵon, kaj montros al aliaj la vojon, kiu malfermiĝis antaŭ mi. Mi esperas, ke mi havos la volon kaj la sanon por malproksimen porti la flagon de la verda stelo, kaj fari multan utilan laboron por la glora Afero.

Ĉiu el ni devas akiri almenaŭ unu novan sami-deanon, kaj tiel pagi ian malgrandan tributon al nia estro.

F. H. A.

**La lasta spritaĵo !**—I think your correspondent need not fear much spread of Esperanto (Etym. L. *spero*, Fr. *espere*, I hope ; *rant*, to rave = I hope to rant).—*An opponent in "Sunderland Echo."*

**Korektoj.**—Sur p. 100, 1.36, legu "the official root is *analog*. *Analogi* should be deleted". La Plena Vortaro (p. 240) estas eldonita de *S.A.T.*, ne de *Literatura Mondo.*

**Verdokulo.**—Bonvole sciigu vian nomon kaj adreson (ne por publikigo) al la Red.